13-a jaro (Numero 4) 1934
Tutjara abono: 2.50 nederlandaj guldenoj (inkluzive aneco de Tutmonda Asocio de Geinstruistoj Esperantistaj)

# INTERNACIA PEDAGOGIA REVUO

Oficiala Organo de Tutmonda Asocio de Geinstruistoj Esperantistaj (TAGE)

Redaktoro: E. J. BOLTJES. Engelsche laan 30. Winschoten ((Nederlando)
Administranto: P. KORTE. Schoolstraat 13. Veendam (Nederl.) Poŝtĉekk.: 90544
Prezidanto de TAGE: G. W. ROOME. 21. Glenalmond Rd Sheffield (Anglujo)
Sekretario de TAGE: W. H. MOOK. Nassauplein 15a Groningen (Nederlando)
2-a Sekretario: K. H. SPORTEL. Nieuw-Scheemda (Gr). (Nederlando)

## Raporto pri I. P. R. dum 1933-a

Ĉar mi ne disponas pri sufiĉe da detaloj, rilate al la laboro por IPR kaj la stato de la revuo dum 1933, pro la neregula funkciado de la organiza aparato en la transirepoko, mi raportos mallonge. Nia sekretario ne povas verki apartan jarraporton pri TAGE, pro la sama manko. Tial mi donos pere de mia financa raporto informojn pri IPR kaj aldonos kelkajn sciindaĵojn pri TAGE.

Kaŭze de ofte interkorespondo de la antaŭa administranto, k-o Hofmann kaj mi, mi trovis post mia libertempo en la komenco de Septembro 1933, la tutan arkivon de IPR ĉe mi. Ankaŭ la sekretario de TAGE kaj la redaktoro sendis sian materialon. Do tiam la novaj laborkomitatanoj, kiuj estis elektitaj en la kunveno en Köln, povis komenci sian laboron.

Tiu komenco tamen estis sufiĉe malfacila. IPR aperis ĝis tiam nur per du numeroj; ni devis daŭrigi la revuon kaj la 3-a numero devis aperi tiel baldaŭ kiel eble, por informi la anojn pri la okazinta ŝanĝo en la estraro. Sed la kaso enhavis nur 91,08 nederlandajn guldenojn (ĉ. sv. fr. 180.) Plej grave do estis en tiuj tagoj trovi presiston, kiu volas kaj povas presi nian revuon je tre modesta prezo. Bedaŭrinde la cirkonstancoj en Nederlando estis tiel ke estis neeble eldoni tie IPR. Mi provis en la eksterlando kaj hazarde aŭdis ke S-ro Bleier el Budapest, la eldonisto de Literatura Mondo, venos en nian landon por prelegi pri literaturo kaj la eldonaĵoj de sia entrepreno. En Gronigen ni, t. e. nia sekretario kaj mi, renkontis lin kaj priparolis la situacion. Li proponis tre malavare sian helpon, promesis presi nian revuon kaj ni do povis aranĝi la manuskripton. Bedaŭrinde kaŭze de tro multe da laboro en la presejo, n-o 3-a de IPR aperis nur en Decembro. Ni ne pli frue povis do kontaktiĝi kun niaj abonantoj, kaj tio estis urĝe necesa, ĉar multaj petis informojn kaj plendis pro la neregula aperado de la organo. Krome oni tre deziris scii kiuj kaj kiaj gekolegoj transprenis la oficojn de la antaŭaj laborkomitatanoj ĉar oni tre timis ian sektan gvidadon pro la okazintaĵoj en Germanujo. La artikolo »Nacia reno-

viĝo en Germanlando« en la 2-a numero de IPR rezultiĝis multajn plendojn de la abonantaro. Antaŭ ĉio, la nova laborkomitato devis prezenti sin kaj peti ĉies fidon por ke ĝi fruktedone povu labori. Tre malhelpe efikis tiam ke la apero de la revuo tiel longe prokrastiĝis.

Al la agentoj mi sendis intertempe cirkuleron, petis ordigon de la financoj kaj instigis al vasta propagando, por ke la nombro de la anoj kresku. Tio certe urĝis, ĉar tiu nombro jam duoniĝis pro la »eksiĝo« de ĉiuj germanaj abonantoj.

La afero pri la germanoj estas iom stranga kaj tial mi volas iom aldoni pri tio.

La kartotekaro, kiun K-o Hofmann sendis al mi, enhavis ĉiujn adresojn, escepte tiujn de la germana — kaj saksa instruistaj asocioj. Mi petis klarigon kaj H. respondis ke li ne disponas pri tiu adresaro, ĉar la saksa — germana sekcioj de TAGE havas propran administradon kaj ekspedas la revuon pere de sia estraro. Ankaŭ li ne povis informi min pri eventuala bonhavo favore de IPR ĉe tiuj sekcioj. Ili kolektis la abonkotizojn mem, administras ĉion kaj nur poste pagis sian kvoton al la kasisto de TAGE. Ĝis Septembro ili pagis nur malgrandparte. Multaj saksaj kaj germanaj asocianoj ankoraŭ pagis nenion. Ĉar mi tre ŝatis reguligi tiun netaŭgan staton, mi interrilatis kun multaj personoj en Germanlando, Gvidintoj, Gvidantoj eĉ kun Gvidontoj. Neniu alportis ian valoran helpon; kelkaj promesis kunlaboron, skribis al mi multajn afablajn vortojn, eĉ avertis la novajn komitatanojn malavare pro eventualaj malsukcesoj, montris al ni plenzorge la nepre irendan vojon, nomis finfine alian adreson, al kiu mi povis ankoraŭ peti *pluraĵn* informojn. Kaj tiam la komedio komenciĝis denove!! Aliaj respondis nenion aŭ nur post longa atendigo. Sed kion mi nepre bezonis: la abonkotizojn de la saksaj kaj la germanaj abonantoj por la jaro 1933 kaj la adresojn de tiuj anoj por ekspedi la revuon, mi ne ricevis.

Finfine mi sukcesis akiri la adresojn de 116 anoj de la germana sekcio. Al ĉiu mi forsendis n-on 3-an de IPR kun informa cirkulero. Mi petis renovigon de la abono por 1934 kaj tuja sendo de la kotizo por 1933. Nur kelkaj respondis; tri pagis sian 1933-jaran kotizon al mi; iuj skribis ke ili ĵus pagis al la kasisto de sia asocio s-ro Simons en Köln ; aliaj informis min ke ili regule pagas kaj pagos al tiu adreso. Sed tre, tre granda kvanto respondis nenion. Al S-ro Simons mi petis informojn kaj ordigon de la konto kun mi. Kvankam mi poste lin admonis kaj pere de aliaj adresoj provis atingi lin, li ĝis nun (Julio 1934) nenion respondis. La germana asocio do ne plu ekzistas por ni.

Pri la adresaro de la saksaj abonantoj mi petis al Hofmann, kaj aliaj antaŭaj funkciantoj. Mi sciiĝis ke S-ro Kröber en Riesa disponas pri tiu materialo. Jam plurfoje mi korespondis kun li; ĉiam senrezulte. La lastan leteron rilate al tiu afero mi sendis al li la 3-an de Marto pasinta; poste insistis pri respondo kaj nur la 29-an de Majo, do post 3 monatoj, mi ricevis la adresojn de la saksaj abonantoj. La sendo estis presaĵe; nenia informa letero pri jam okazinta pago ktp. Kompreneble tiuj adresoj nun

estas por ni senvaloraj pro la longega prokrasto. Cirkuleron al tiuj abonantoj ni ne sendis. Ni preferas ŝpari tiun afrankan monon, ĉar rezultojn tiu cirkulero fakte ne efikos, laŭ nia sperto kun la anoj de la germana sekcio. Ankaŭ tiuj abonantoj do perdiĝis por TAGE.

Kompreneble la nuna propagando por nia asocio estas en Germanujo tre malfacila. Mi kredas ke ni tie ne plu povos atingi ion. Pri la sinteno de la germanoj kontraŭ TAGE mi petis informojn al S-ro Kröber. Li skribis i. a. la jenon: (7—2—34)

»Pro la tutaj politikaj cirkonstancoj okazis rompo en nia organizacio, kiu kaŭzis, ke grandnombro el nia abonantaro forlasis nian asocion, ne pagis kotizon kaj ne malaliĝis. Tiu situacio estas same en la saksa kiel en la germana asocioj. Ni en la saksa asocio regajnis ĝis nun 40. Sed mi povas sciigi al vi ke la estinta prezidanto, s-ro instruisto Kurt Walther (germana asocio) certe zorgos pri baldaŭa ordigo...

Do entute laŭ mia superrigardo, ne estos eble, ke vi povas ricevi postpagojn de germanaj abonantoj el la jaro 1933.

Kiel agento por Germanujo nun s-ro Kurt Hofmann akceptos realiĝojn...«

Malgraŭ tiuj asertoj ĝis nun mi ne scias kiuj estas tiuj 40; ni ne ricevis ian kotizon; mi ne povas ekspedi la revuon; mi ne havas iun kontakton kun la germanoj. Estonte ni do devas kalkuli nian abonantaron minus la germanoj kaj kiam mi diras ke tiuj nombris ĉ. 340, tiam vi komprenos ke niaj zorgoj estas sufiĉe gravaj rilate al la aperado de nia revuo.

Fakte la suprestarantaj informoj ne apartenas al raporto pri la jaro 1933, sed mi ne povis klarigi al vi la situacion en la lastaj monatoj de 1933, ne menciante la okazojn en Germanujo.

Ĉe la fino de la jaro eĉ ne ĉiuj abonantoj pagis sian jarkotizon aŭ anoncis sian eksiĝon, malgraŭ admono. Mi esperas ke estonte tiu malbona kutimo ne plu regos, *ĉar tiel estas al ni neeble daŭrigi la laboron.*

Nun la financoj:

| | | |
|---|---|---|
| Enspezoj. | | |
| Kiel agento por Nederlando mi disponis en Septembro pri | ned. g. | 44.19 |
| Poste Hofmann sendis sian saldon por TAGE . . . . | ned. g. | 81.62 |
| Mi enkasigis abonpagojn . . . . . . . . . . . . . | ned. g. | 30.55 |
| sume: | ned. g. | 156.66 |
| Elspezoj: | | |
| Kostoj por presado kaj afranko . . . . . . . . . | ned. g. | 142.81 |
| 1933-a saldo | ned. g. | 13.85 |

La kostojn por la monataj kunvenoj de la laborkomitato la komitatanoj pagas mem. Ili nur esperas, ke venos tempo, ke tiu stato pliboniĝos kaj petas intertempe al ĉiuj niaj anoj subteni sian laboron per fervora propagando.

La plej grava zorgo por TAGE estas la regula aperigo de la organo.

Planita por 1934 estas ĉiudumonata eldono de 16 paĝoj, sen kovrilo, ĉar tio malpliigas la kostojn.

Fine de Decembro estis ĉ. 300 anoj. Ne estas eble precize nombri, ĉar la ordigo kun ĉiuj anoj ankoraŭ ne estis farata pro la inerto de tiuj »kunlaborantoj«. Sed kiam tiuj ĉiuj fidele restas kaj baldaŭ sendas sian kotizon, kaj ... plej bone propagande subtenas nin, ni certe atingos 1935 en pli agrablaj cirkonstancoj ol ni spertis, kiam 1934 alproksimiĝis.

Bone komprenante la gravan rolon, kiun ludas instruista organizo en la esperanta movado kaj plena de fido, ke ni atingos nian celon, mi petas por la venontaj tempoj vian sindonan kunlaboron.

*P. Korte, administranto.*

## Dekjara jubileo de TAGE

**1924 — 8 aŭgusto - 1934**

»En la jaroj post la mondmilito forta volo al internacia interkompreno renaskiĝis inter la instruistaro. Francaj kolegoj, instigataj de flamaj krioj de Anatole France, Romain Rolland por la tuthomara solidareco, komencis rekonstrui la rilatojn internaciajn de la Esp.-instruistoj. Marcel Boubou, Orlèans, eldonis por kaj per tiu interligo en 1922 edukfakan revuon »Novaj Tempoj«, kies ĉefa karakterizaĵo estis la traktado de la edukaj problemoj kaj de la instruistaj laboroj en iliaj depend-

## *Respondeco*

»Paĉjo, ĉu vi permesas, ke mi biciklu hodiaŭ posttagmeze?«

»Knabinjo, ne petu tion al mi.«

»Nu diru nun tamen, ĉu vi permesas?«

»Ho, decidu mem, ĉu via laboro jam estas finita?«

»Ne, ankoraŭ ne.«

»Nu, tiam vi ja mem bone scias, ĉu vi havas tempon por bicikli«.

»Nu, diru *vi* nun, ĉu vi permesas, ke mi biciklu? Jes aŭ ne?«

»Mi lasas tion al vi.«

»Tiam, pro Dio, mi nur iros labori«, kaj la dektrijara mezlernejanino iris for al sia propra ĉambreto.

»Kia ŝtono vi estas«, diris la patrino.

»Vi do vidis, kiel volonte la infano volas iri, kaj vi respondas al ŝi, kvazaŭ tio tute ne interesas vin.« »Kion vi do volus?«

»Ke vi estus permesinta tion al ŝi aŭ malpermesinta; la unuan aŭ la alian. Sed nun vi lasis la infanon tute en ŝia propra dubo.«

»Ĉu la infano? Vi plivole diru la simplanimulino.«

»Ĉu vi ne rimarkis, kion ŝi volis?« »Kion do?«

»Ŝi tre bone sciis, ke ŝi ankoraŭ devas fari taskojn. Kaj tamen ŝi volis volonte bicikli. Nun ŝi volis, ke mi decidu. Se mi estus dirinta »Jes«, tiam

eco de la ekonomiaj kaj politikaj faktoroj, kaj kies devizo estis: *amo al paco, fido al progreso.* Pro la socipolitika konsidero de la edukscienco, la revuo havis karakteron de serioza, akra batalilo sur atentinda nivelo.«

La 4-an de aŭg. 1923 kunvenis multnombre en longa kunsido la geinstruistaro esperantista tutmonda. »Kreo de faka terminaro, interŝanĝo de korespondaĵoj kaj infanoj aŭ instruistoj, kolekto kaj publikigo de priedukaj informoj el ĉiuj landoj atendis sian plenumon.« Komuna laboro postulas komunan organizon kaj komunan organon. Pri tiu organiza demando k-o Boubou sandis raporton, proponante, ke oni kreu novan aŭ restarigu malnovan organizon, sed modernan kaj progresreman. »Novaj Tempoj« jam ekzistanta kelkajn jarojn unuanime estis akceptita kiel fakorgano. — »Tiu Nürnberga kunsido estis almenaŭ malgranda paŝo al vera internacia edukistaro kunligita per komuna paca kaj energia laboro por plibonigado de la edukado kaj de la internaciaj interrilatoj«.

Ĉi tie oni metis la ĝermon de nia asocio kaj baldaŭ la malgranda kreskaĵo komencis pligrandiĝi. En »Novaj Tempoj« no 12, ni legas por la unua fojo la nomon: Tutmonda Asocio de Geinstruistoj Esperantistaj.

La 8-an de aŭg. 1924 je la 10-a kunvenis 200 gekolegoj el 14 diversaj nacioj. La sola punkto de la tagordo estis la konstitucio. Post kunfado de franca kaj germana projektoj la proponita statuto estis aprobita. Tiu statuto baziĝas sur la principo de pacemo kaj estimo al fremd-

---

ŝi estus irinta kaj ŝi estus lasinta al mi la respondecon kaj la sekvojn. Se poste morgaŭ ŝia laboro ne estus preta, tiam mi ankaŭ povus aŭdi: »Jes, vi diris, ke vi permesas.« Kaj se mi estus dirinta »Ne«, tiam ŝi estus foririnta kolera kun la plendo, ke al ŝi neniam io estas permesata, kaj tiamdenove mi devus porti la respondecon pri ŝia kolera humoro, kaj la fatalajn sekvojn de tio rilate la malfortiĝon de la lernkapablo. Ne, Panjo, la ŝtono sciis tre bone, kion ĝi faris.«

»Sed, kial vi ne donis al ŝi bonan konsilon? Se vi nun estus dirinta: ‚Nu, unue laboru horon, tiam vi estos preta kaj poste vi povos des pli multe ĝui.' Sed vi sidis tie, kiel peco da glacio. Tute ne afable.«

»Ĉu vi pensas, ke ŝi bezonas de mi tiun bonan konsilon? Ke ŝi mem ne estas tiel ruza? Mi donis al ŝi la plej bonan konsilon, kiu ekzistas: Faru, kion vi volas, sed portu mem la respondecon. Ĉiu prediko de mi estus malfortiginta la forton de tiu konsilo. Sed ĉu vi scias, kiel infanoj estas? Ili volas peki, sed ne porti la respondecon. Tion ili plivole lasas al Paĉjo kaj Panjo.«

»Kiel vi scias tion?«

»Ĉar mi mem ankaŭ estas tiel; ĝi estas la homa naturo. Kaj jam ekde Adamo kaj Eva. Adamo ŝovis ĝin al Eva kaj Eva al la serpento. La serpento ne multe ekscitiĝis pri tio. Sinjoro la Diablo ja volas porti la respondecon sur siaj ŝultroj. Li tamen lasas ĝin gliti de sur ili. Li ne konas res-

aj nacioj kaj de lerneja kaj instruista progreso. La oficiala lingvo de la asocio estas nur Esperanto. — Estas rekomendinde, ke fondiĝu NAGE (Naciaj Asocioj de Geinstruistoj Esperantistaj) por plifaciligi la administron kaj por antaŭenpuŝi la esperantan movadon en la diversaj ŝtatoj.

La deklaracio, eldonita en la regularo de TAGE, esprimas la emon al paco kaj progreso.

Prezidantoj de TAGE estis k-o M. Boubou. Orlèans (ĝis 1926), Albin Neuzil, Olomouc-Neredin, Ĉeĥoslovakujo (ĝis 1929) kaj Geo. W. Roome, Sheffield (de 1930).

Depost la jaro 1926 la TAGE-organo aperis sub la nomo »Internacia Pedagogia Revuo«. La nombro de abonantoj ĉiam kreskis, ĝis la jaro 1933 fatala por TAGE. Feliĉe nun jam kreskas iom la anaro, kvankam ankoraŭ ne sufiĉe.

*Tabelo de la abonantaro ĉe la fino de la jaroj*

| 1925 | 1926 | 1927 | 1928 | 1929 | 1930 | 1931 | 1932 | 1933 |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| 507 | 511 | 630 | 800 | 878 | 883 | 861 | 651 | 257 |

La ĉiam ampleksan kaj ofte malfacilan varblaboron por la gazeto kaj asocio prizorgas la tiel nomata Laborkomitato, ĝis 1933 konsistinta el saksaj membroj. De post la Kolonja kongreso transprenis la gvidadon la nuna laborkomitato, konsistanta el nederlandaj anoj. Valora aldono al IPR estas la korespond- kaj interŝanĝ-fako, plenumanta la dezirojn de infanoj, klasoj kaj instruistoj, aranĝita de la korespondoficejo

---

pondecon, ĉar — kaj tio estas lia pura, ne savebla diablonaturo — li ne havas *konsciencon.*« »Kaj?«

»Kaj? Nun tuta nia eduko estas bazita sur la certeco, ke la infano havas konsciencon. Se ni ne posedus tiun certecon, tiam ni povus ĉesi. Malfortulojn oni povas fortigi, malsaĝulojn vi povas klerigi, sed senkonscienculoj estas neplibonigeblaj. Kaj tamen tiom da edukistoj ĉiutage faras sian eblon por malfortigi la konsciencon de la infanoj.« »Sed . . .

»Jes certe. Pere de siaj eternaj ordonoj kaj malpermesoj, minacoj kaj punoj ili moligas la konsciencon kiel per vipbatoj. Kaj per sia altrudo de bonaj konsiloj kaj saĝaj admonoj ili subterigas ĝin kiel sub sablo. Ĝi estas forto, kiu devas labori. Laborante la fortoj kreskas. Kaj la konscienco nur laboras, kiam estas portata respondeco. Ĉu vi vidis kun kia decideco la dektrijara Eva foriris? Tio estas la cedo al la tirano en ŝi. Kredu nur certe; la tirano ne sidas ĉi tie sur la seĝo, parolante kun vi. Sed Eva havis lin en ŝi kaj estu tre danka pro tio.«

Unu horon poste. Jen denove estas la mezlernej-anino.

»He, nun mi estas biciklonta horon.«

»Ĉu vi iros? kaj ĉu vi tute ne petas tion?«

»Sed Panjo! Paĉjo tamen diris, ke mi mem devas scii tion?«

»Certe, sed tamen vi povus peti tion.«

»Mi finis mian laboron, Panjo!»

de »Kunlaborado de International Auxiliary Language Association« (IALA-New York), kies sekretariino, f-ino Marta Moelke, Berlin kolektas la adresojn.

La motoro en tiu laborkomitato estis ĝia sekretario M. Goldberg al kiu TAGE povas danki sian antaŭiron en la pasintaj jaroj.

Malfeliĉe la starigo de NAGE-oj ne efektiviĝis. TAGE ĝis nun ne jam sukcesis konvinki la diverslandajn Esp. geinstruistojn pri la neceso de kreo de fortaj landaj instruistaj asocioj, sekcioj de TAGE. La plej forta sekcio estis ĝis 1933 la germana, sed nun ĝi tute perdiĝis por TAGE. Feliĉe en la komenco de 1934 aliĝis la Sveda Instruista Esperantista Federacio, kiu nun formas la plej grandan nacion asocion en TAGE.

Ni esperas, ke baldaŭ multaj aliaj sekcioj estos starigitaj por kune kun la nuna laborkomitato ŝirmi nian gravan movadon kontraŭ tuta pereo!

*Kompilita laŭ multaj malnovaj I. P. R.-oj.* (P. Korte)

## Gravaj vortoj de Gvidintoj de TAGE

»Nia organizaĵo TAGE devos fariĝi grava internacia edukistara grupo. Tute ne sufiĉas, ke TAGE estu konata en esperantista mondo! Ni konigu nin ĉe la naciaj kaj internaciaj instruistaroj, kiel laborularon supernacian kompetentan pri ĉio monda rilatanta edukadon.

Jam en edukistaj rondoj internacie laborantaj oni scias, ke Esperanto utilas, sed oni ankoraŭ tro ofte kredas, ke ni estas ia fram-

---

»Diru foje, Eva«, demandas la patro, »kial vi petis tion antaŭ horo kaj nun ne?« »Jes, kial.« »Tion mi ne tuj povus diri.«

»Klopodu foje.«

»Nun mi kredas — ĉar mi tiam ankoraŭ estis faronta mian laboron.« »Kaj vi sentis skrupulon pri tio?« »Jes.«

»Kaj tiam vi ne trovis liberecon por iri?« »Jes.«

»Kaj tamen vi volonte volis.« »Jes.«

»Kaj tiam vi pensis: mi petos al Paĉjo, tiam tiu devas scii ĝin.«

»Jes, mi kredas, ke tiel estas.«

»Kaj ĉu vi nun ankaŭ havas la bezonon peti ĝin al mi?«

»Ho, mi jes volas peti ĝin al vi, sed mi ne sentas la bezonon.«

»Tio estas, ĉar via konscienco nun estas libera.«

»Mi kredas tion ankaŭ.« Kaj poste ridetante: »Tia konscienco estas malagrablaĵo.«

»Se ĝi ne estus malagrabla, ĝi ne povus plenumi sian taskon. Sed vi nun iru bicikli, kaj petu tion neniam plu al via patro, ĉar tiu estas sufiĉe barbara por en la ĝusta momento — silenti.«

Eva donas kison al la patro kaj ankaŭ al la patrino kaj for ŝi estas.

El la „Disaj Verkaĵoj“ de Jan Ligthart, nederlanda pedagogo esperantigis F. Weeke, Meezenlaan 41, Den Haag.

asonaro kun naiva idealo, — dum ni estas la plej viva organizaĵo el ĉiulandaj edukistoj kaj la plej praktika, ĉar nia kunigilo lingva ebligas, ke ni laboru sur mondo 10-foje pli rapide kaj pli malkoste ol la poliglotoj de la pedagogiaj gazetoj. *(Marcel Boubou: Novaj Tempoj 1925.)*

Por diskuti pedagogiajn, sindikatajn demandojn eble sufiĉas tiaj konferencoj de kelkaj delegitoj el la diversaj landoj (kiel ĉe FIAI ekz.) Sed se internacia federacio volas flegi, eĉ estigi inter la instruistaro la senton kaj volon al internacia frateco kaj solidareco, ni devas postuli grandajn kongresojn, sur kiuj renkontiĝas kaj interamikiĝas miloj da diverslandaj geinstruistoj — ne nur kelkaj dekduoj da gvidantoj de la kvarcentmiloj. Ne tostoj dum lunĉoj de konferenca reprezentantaro, sed interkonatiĝo, mi riskas skribi la gravan vorton interfratiĝo, de la instruistoj mem necesas. Se ĉiujare la kongreso ŝanĝas la landon, tio ankaŭ ne estas tro malfacile. *(M. Goldberg, I. P. R. 1927.)*

La instruista gazeto, kiu estas limigita sur legantaron de malmultaj kolegoj, devas eviti tendencon, kiu ofendas kaj forpelas duonon de la interesiĝantoj. Mi ne diras — kiel ŝajnas —, ne-tendenca neŭtrala gazeto estas avantaĝo por la propagando de Esperanto. Neŭtraleco enhavas la gravan danĝeron, estiĝi senkolora, senforta, malserioza. Pli alloge kaj pli agrable estas, legi — kaj eldoni — gazeton, kiu servas al iu klara politika aŭ mondpercepta tendenco. Ĉar ĉiu aktiva homo agas sur iu partia kampo — eĉ la inerta homo nevole — kaj deziras trovi en sia gazetaro opinion, kiu agordas kun lia interna direkto. IPR volonte finos sian vivon, se ĝi estos anstataŭata de vivkapablaj ne-neŭtralaj pedagogiaj gazetoj. Sed en la nuna stato de la instruista Esperanto-movado en la limo de la malgranda esperantista instruista popolo, IPR ne povas esti tiutendenca.

La komuna bazo por IPR estas trovita, se la kunlaborantoj unuavice ne celas konverti alian konvinkon, sed deziras prezenti al tutmonda legantaro informon pri celoj, bataloj, sukcesoj, organizo de la diverslanda instruistaro aŭ pri okazintaĵoj en la pedagogia vivo (leĝoj, decidoj, rezolucioj ktp.) Ni ne estu tro sentemaj, sed pravigu kontraŭan opinion per alsendo de objektiva artikolo. Ni estu altgrade toleremaj, por plej efike en unuigita batalantaro akceli la progreson kaj la finan sukceson de Esperanto. *(M. Goldberg, IPR 1928).*

Se oni enkondukos oficiale Esperanton en la lernejoj, la registaroj ne demandos pri »instruantoj«, sed pri »instruistoj«, pri pedagogiaj fakuloj. Tion ni pripensu! Tial la definitiva sukceso de nia propagando dependos de nia sintenado, de la gekolegoj. Tio estas por mi kvazaŭ aksiomo, ne bezonanta pruvon — kaj cetere la jeno:

1. La instruistoj dum la nuntempa stato devas esti la ĉefaj defendantoj kaj adeptoj de la mondlingva ideo.

2. Ĉi tiu ideo postulas idealistajn sentadon kaj sintenadon.

3. Ne estas jam »idealisto«, kiu parolas pri la ideo nova kaj laŭte aklamas ĝin.

4. Vera idealisto devas esti pioniro.

5. Pioniroj estas homoj kiuj laboras, laboregas, kulturantaj kaj preparantaj la kampon por la ideo, sur kiu ĝi povas kreski kaj porti fruktojn, tute egale, ĉu ili mem ankoraŭ vidos la fruktojn.

6. Labori por nia ideo, i. a. signifas: krei taŭgan organizacion, aliĝi al ĝi, kreskigi ĝin, fari ĉion, por ĝin plibonigi — kaj ne stari flanke kaj atendi, kio fine rezultos el la laboro de aliaj.

8. Se ni trovos la atenton kaj la simpation de la instruistaj asocioj por nia movado, la ĝenerala enkonduko de Esperanto estas garantiata. Sed la simpation kaj la definitivan aprobon de la instruistaj asocioj (naciaj kaj internaciaj) ni atingos nur per firma kaj forta unuiĝo de ĉiuj Esperantistaj instruistoj al respektinda laborkapabla asocio, al TAGE.

*(Dr. Dietterle; IPR 1928.)*

La Esperanto-instruistoj pli kaj pli ekkonu sian devon, subteni la propagandajn kaj organizajn laborojn de TAGE inter la instruistaro. La sekretario de la Federacio Internacia de Asocioj Instruistaj (FIAI), Lapierre, moketis en Helsingör, ke TAGE nur havas 800 membrojn, inter kiuj estas 420 germanaj! Jes, prava li estas! La multnombraj Esperanto-instruistoj en tutmondo — Prof. Dro Dietterle kolektis pli ol 4000 adresojn! — kie vi restas? Se vi deziras profitigi la bonajn ŝancojn inter la instruistaro por Esperanto, vi ne translasu tion al hazardo, sed helpu organizi la evoluon, aliĝante al TAGE.

*(M. Goldberg; IPR. 1929.)*

---

# Lernejoj en Sovet-Unio

**Ĉapitro el: „La granda ofensivo" de Maŭrice Hindus**

London — Victor Gollancz ltd. 1933

Daŭrigo

Antaŭ la revolucio ambaŭseksa edukado pli progresis en elementaj lernejoj ol en mezgradaj. Nun neniu lernejo ekzistas, kiu ne servas por ambaŭ seksoj.

Iam oni pagis la instruon. Speciale por la mezgrada lernejo kaj por la universitato la pago estis sufiĉe alta. Krome la studentoj devis aĉeti multekostajn uniformojn. Nun oni pagas nenion por la edukado en elementaj kaj mezgradaj lernejoj. Nur inĝenieroj kaj aliaj specialistoj, gajnantaj altan salajron, devas pagi por siaj infanoj. En teĥnikaj lernejoj kaj en universitatoj tri kvinonoj de la studentoj ne nur ne pagas sed eĉ ricevas monhelpon por pagi la vivkostojn. Nur se ili ne sukcesas, la subvencio estas forprenata.

Nun ĉiu elementa aŭ mezgrada lernejo havas ejon por tagmanĝi, kie la lernantoj povas ricevi, almenaŭ dum parto de la jaro, varmajn manĝaĵojn. En urboj oni kutime pagas tre moderan prezon, en vilaĝoj la tagmanĝo estas senpaga.

En Sovetio la lernejo estas la ununura institucio, kiu ĉiam kaj ĉie daŭre senstagne progresis. La bolŝevikoj, kiuj heredis la ideojn kaj pasiojn de la iamaj revoluciuloj, kiel ili opinias, ke oni ne prokrastu eĉ unu tagon la edukadon de la grandaj popolamasoj. Lenin mem avertis siajn sekvantojn en 1921: »tiel longe kiel ekzistas en nia lando la malfeliĉega analfabetismo, ni nepre ne povas paroli pri politika klerigado. La analfabetulo tute ne havas politikajn ideojn. Li lernu la alfabeton. Sen klerigado politiko ne povas ekzisti, nur klaĉado, antaŭjuĝoj, superstiĉoj, nur ne politika konscio.«

En la sekvantaj jaroj la bolŝevikoj forgesis multajn saĝajn konsilojn de sia honorata gvidinto, kiel ekzemple, ke infanoj nature emas rigardi bestojn kiel homojn, ke kokoj ne estus io reala se ili ne parolus. Nur en la lasta tempo, post multaj fatalaj eraregoj, ili retrovis tiun kaj multajn aliajn sugestojn de Lenin kaj fervore adeptiĝas kvazaŭ estus tute novaj ideoj.

Sed neniam ili forgesis la konsilon, ke la plej urĝa tasko de la revolucio estas klerigi ĉiujn homojn en la lando tiom, ke ili kapablu legi kaj skribi.

Trockianoj kaj stalinanoj, dekstruloj aŭ maldekstruloj, ĉiuj samopinias, ke oni ne prokrastu la konstruadon de lernejoj.

Ĉie kie estis soveto, aŭ kie soveta influo penetris, en la suna Kaŭkazio, en la neĝkovritaj siberiaj tundroj, la revoluciuloj preskaŭ ĉiam unue donis al la popolo lernejon, kvazaŭ gepatran donacon al infano.

Ne nur la nombro da lernejoj rapide plialtiĝis, sed ankaŭ la socia nivelo ŝanĝiĝis, el kiu la lernantoj devenis.

Antaŭ la revolucio, eĉ en mezaj lernejoj la lernantoj pligrandparte estis infanoj de nobeluloj, oficistoj, pastroj, negocistoj. Kelkfoje oni vidis tie infanojn de riĉaj terkulturistoj aŭ pli bone pagataj fabriklaboristoj.

Mi memoras, ke, kiam mi estis knabo, unu el miaj ludkamaradoj sukcesis por la gimnazio. Liaj gepatroj tre, tre ĝojis, sed baldaŭ ili ektimis, ke ili mem malsukcesos en la tielnomita hejmekzameno.

Por eviti tion ili prunteprenis de komplezaj amikoj multekostan meblaron kaj tiamaniere bele kaj impone aranĝis siajn ĉambrojn. La vizitanta inspektoro ricevis bonegan impreson kaj donis al la gepatroj altan poenton.

Mi ne scias ĉu tia ekzameno ĝenerale okazis en la lando.

Kiel grandaj la ŝanĝoj estas. Nun en la universitatoj iom pli ol la triono de la studentaro estas de terkulturista, preskaŭ la duono de laborista deveno. Infanoj de la iama nobelularo kaj de negocistoj same rigore kaj malindulgeme estas ne allasataj kiel iam la infanoj de malriĉaj terkulturistoj kaj laboristoj.

Ĝis Junio 1931 eĉ infanoj de la inteligentularo — inĝenieroj, kuracistoj, profesoroj, instruistoj, — kvankam iliaj patroj servis la registaron, estis allasataj al la universitato nur kiam estis sufiĉe da loko.

Depost Junio 1931 ili estas samrajtaj. Sed infanoj el la regintaj grupoj litere nur per sia ŝvito povas akiri allason.

Kiam ili dum almenaŭ du jaroj laboregas en arbara hakejo, en ŝarĝejo, ĉe domkonstruado, en sovĥozo aŭ kolĥozo, la registaro rigardas ilin sufiĉe harditaj por povi studi en universitato.

La laŭnombra kresko de la lernejoj — certe tre rimarkinda — montras nur unu flankon de la instruado en Sovetio. Estas alia flanko — eĉ pli ekscita — rilate al celoj kaj kvalito.

Kiam mi la unuan fojon vizitis Rusujon en 1923, mi hazarde ĉeestis literaturlecionon, en la plej alta klaso de mezlernejo en Moskvo. Oni pridiskutis la tre konatan poezian romancon de Puŝkin: Eŭgene Onegin. La klaso priparolis la karakteron de Tatjana, la heroino de la romanco. Iam Tatjana estis la idolo de rusaj liceaninoj, verdire eĉ de ĉiuj librojn legantaj virinoj. Estis nur malmultaj, kiuj ne parkere lernis la emociajn leterojn de Eŭgene al ŝia amato, kaj poste pensadis, ploris kaj suferis pro ili. Tiuj leteroj apartenis al la plej fama sentimentala poezio en la rusa lingvo. Sed en tiu klaso oni rigardis. Tatjana el tute nova vidpunkto.

»Ŝi estis sklavino de sia klasa idearo«, diris junulino preskaŭ deksesjara — kiel ankaŭ Onegin kaj Lenski (la du aliaj gravaj karakteroj en la romano.) Nenion ili sciis pri la vivo de la popolamasoj.

Ili estis kontentaj vivi lukse, dum iliaj servutuloj ŝvitis, malsatis kaj mortis por ili.

Se Tatjana vivus nuntempe, ni nepre reformus ŝin, ekzilus ŝin kaj devigus ŝin fariĝi unu el la laborantaj amasoj.«

La instruisto petis alian studentinon esprimi sian opinion, kaj ŝia parolado multe similis tiun de la unua.

Pluraj aliaj sin esprimis en la sama akuza maniero. Tiam estis la vico de alia juna fraŭlino — malhela estis ŝia hararo, ruĝaj pro emocio ŝiaj vangoj, iom nervema estis la esprimo de ŝiaj nigraj okuloj, grizaj ŝiaj eluzitaj vestoj.

Ŝi ŝajnis timema, ŝi parolis neperfekte, kaj malrapide. »Nur ĉi tion mi volas diri, tovariŝĉi, (kamaradoj) ni ne havas la rajton kondamni Tatjana. Ni estas rezulto de epoko, pri kiu ŝi neniam aŭdis. Marks ne estis konata al ŝi. Neniu pensis, ke Lenin venos. Ne ekzistis komunista partio.

La popolamason formis servutuloj. Estis preskaŭ neniaj fabrikoj kaj laboristoj. Tial mi diras, ke ni ne rajtas kondamni ŝin. Ni ne povas riproĉi al ŝi ŝian idearon. Ŝi havis bonajn intencojn, estis nobla kaj eĉ kvankam vi rigardas min kiel stultulinon, mi deziras diri al vi ke mi ŝatas ŝin, kaj ke mi ploris, kiam mi legis pri ŝiaj malfeliĉaj spertoj.«

La juna fraŭlino sidiĝis kaj estiĝis bruo en la klaso. Tre afable, kvazaŭ li ne volus ofendi iun, la instruisto penis silentigi la lernantojn. Sed ili ne volis silenti. Ne estis du partioj, sed nur unu — ĉiuj estis

kontraŭ Gurjeva. Unu proleta knabo esprimis la sentojn de la tuta klaso, dirante:

Tovariŝĉi Gurjeva estas klara ekzemplo kiel maleble estas al kelkaj personoj forĵeti sian burĝan heredaĵon — kaj li komencis longan parolfadon kontraŭ homoj kiel Tatjana, ĉu ili vivas aliloke aŭ alitempe, tio ne gravas, kaj fulmotondris kontraŭ sovetiaj gejunuloj, simpatiantaj kun tia karaktero, kian Tatjana havas. *Daŭrigota.*

# El Nederlando

*Averto*: La verkinto de ĉi tiu artikolo ne mokas, sed nur skribas la plenan veron

La ortografio de la nederlanda lingvo tute ne estas facila. Estas precipe 4 problemoj, kiuj turmentas la lernejanojn kaj la instruistojn:

1. unu aŭ du *e* en malfermitaj silaboj, ekz.: *steenen* (ŝtonoj), *leenen* (prunti), *steken* (piki), *geven* (doni). Alilandanoj min certe demandos: kial oni skribu *steenen, leenen* per du *e* kaj la aliajn per unu, se almenaŭ oni ne prononcas la du vokalojn diversmaniere. Mi respondos, sed antaŭe petas, ke oni ne ridu. La du profesoroj, kiuj verkis nian nunan ortografion, opiniis, ke, ĉar la germanoj skribas *Steine* per duobla vokalo, por la nederlanda unu *e* ne sufiĉas.

2. unu aŭ du *o* en malfermitaj silaboj, ekz. *oogen* (okuloj), *rooken* (fumi), *booten* (boatoj), *open* (malfermita), *hopen* (esperi). La du profesoroj pensis, ke ni farus sakrilegion, se ni skribus *hooren* per unu *o;* la angloj ja skribas *hear* per du vokaloj. Pro tio la nederlandanoj devas estri multajn aliajn lingvojn por povi bone skribi sian propran. Estas nur bedaŭrinde, ke eĉ la profesoroj kelkfoje eraris pri la origino de iu vorto. Tiam la filologio ne jam atingis sian nunan altan nivelon.

Plej bone do estas: ĉiam havi vortaron en la poŝo.

3. *s* aŭ *sch* por simple indiki *s*. Ĉu ni kuraĝus skribi *frisch* (freŝa) per *s*, dum la germanoj uzas *sch* kaj la angloj *sh*. La aliaj popoloj nin rigardus kiel pli kruelajn revoluciulojn ol la rusoj, kiuj elektis la latinajn literojn por multaj popoloj, sed gardis sian propran pli malfacilan alfabeton por la rusa lingvo.

4. la akuzativa *n* por la virseksa genro de multaj substantivoj ekz. *op den toren* (sur la turo) sed *op de tafel* (sur la tablo). Kiam oni parolas oni tute ne prononcas la *n*. Verdire la virseksa genro ne ekzistas en nia lingvo. Kial oni do skribas la *n*? Respondo: alie la nederlanda lingvo preskaŭ ne posedus akuzativon. Kion ni ne havis, tion ni kreis. Ni preskaŭ

ne havis genitivon kaj dativon. La lingvistoj ilin ankaŭ kreis. Ni do diras: *de koning* (la reĝo), *van de koning* (de la reĝo), *aan de koning* (al la reĝo), *de koning* (la reĝo) (akuzativo), sed ni skribas: *de koning, des konings, den koning* (dativo), *den koning* (akuzativo).

Ĉiuj tiuj malfacilaĵoj kaŭzas, ke sen vortaro mi pli bone kuraĝas skribi esperanton ol mian propran gepatran lingvon.

Se mi skribas al amikoj mi ne sekvas ĉiujn ortografiajn regulojn. Alie oni min rigardus kiel pedantan instruiston.

La nederlanda instruministro intencas plisimpligi nian ortografion. Sed ho ve, kiom da gazetartikoloj oni verkis, kies konciza enhavo estis:

La ministro fuŝos nian lingvon, la karan heredaĵon de niaj prapatroj. (Ili skribas »lingvon«, sed intencas »ortografion«, kaj tute ne komprenas, ke la ortografio estas io ekstera. La homo estas nature stulta).

Speciale la eksurbestro de Rotterdam, S-ro Zimmerman, kiu dum kelkaj jaroj estis financa kontrolisto de Aŭstrujo, kaj post tiu tempo ŝajnas esti kompetenta pri ĉiuj temoj, plendas: »la nederlandanoj spirite degeneros, se la ortografio fariĝos tro facila.«

Tiu grava argumento konvinkis min. Mi amas miajn samlandanojn. Pro tio mi tuj sendis petskribon al lia moŝto, la instru-ministro:

»Ordonu, ke de nun la nederlandaj infanoj skribu per egiptaj hieroglifoj aŭ per ĥinaj litersignoj, ili kalkulu per romaj anstataŭ per la multe tro facilaj arabaj ciferoj.

Tiamaniere vi devigos la infanojn streĉi ĉiujn fortojn, kiel plenkreskuloj ili estos spirite harditaj.

Malpermesu Esperanton; ĝi estas danĝere facila.«

Kiam mi jam estis verkinta ĉi tiun artikoleton, la gazetoj sciigis, ke la instru-ministro iom kontentigos siajn konservativajn kontraŭulojn, li gardos la akuzativon (kiu ne ekzistas). La patrujo estas savita.

# KOMUNIKOJ

**Kunsido de T.A.G.E. la 8-an de aŭgusto 1934 je la 1-a antaŭtagmeze**

Tagordo:

1. Saluto de la reprezentanto de la Laborkomitato, f-ino Le Rütte el Groningen (Nederlando).
2. Elekto de la estraro por la kunsido.
3. Prelego de s-ro Henry Ysner (Hällevik, Svedujo) pri: La sveda slojdo.
4. Prelego de s-ro Einar Dahl (Uddevalla, Svedujo) pri: Daŭrigaj kursoj en Esperanto.
5. Diskuto pri organizaj problemoj rilate al gvidado de TAGE kaj redaktado de IPR. Elektoj de TAGE-prezidanto kaj aliaj estraranoj.
6. Liberaj proponoj.

**El la Informa Bulteno de F. I. A. I., Noj 30—31.**

**La instruado en Nankin.** La urbo Nankin grave progresis, sub influo de la urbestro Shih Ying, rilate al la publika instruado. Oni taksas, ke la urbo donas preskaŭ trionon de siaj enspezoj por la instruado. Oni starigis serion de 30 lernejoj, kiuj estas vizitataj de du grupoj de lernantoj; unu grupo vizitas la lernejon antaŭtagmeze, la alia posttagmeze. Multaj klopodoj estas faritaj por instrui la analfabetojn; oni taksas, ke 25.000 personoj lernis la legadon kaj skribadon dum la pasinta jaro.

**Popolaj Bibliotekoj en Greklando.** En Grekujo oni povas vidi nuntempe azenojn, irantajn de vilaĝo al vilaĝo, portante grandajn kestojn enhavantajn po 100 librojn. Tiumaniere 48 vilaĝoj regule ricevas novan serion da libroj, kio permesas al la kamparanoj starigi publikajn legsalonojn.

**Lerneja ekspozicio en Danujo.** Ekspozicio de laboraĵoj, faritaj de gelernantoj estas malfermita en la dana lerneja muzeo. Ĝi prezentas la rezultaton de la okjara lernejo, novkreita en multaj danaj provincoj. La lernado okazas sen libroj kaj sen hejmaj taskoj. La infanoj sin okupas en la posttagmezo alimaniere.

**El Japanujo.**

La 22-a Japana Esperanto Kongreso (en Nagasaki, 1934) aprobis la proponon de nia Esperanto-Propaganda Asocio, ke oni fondu preparan komitaton por enkonduko de Esperanto en mezgradajn lernejojn de Japanujo. Reprezentante la komitaton ni nin turnas al vi por viaj afablaj konsiloj kaj valoraj helpoj, sen kiuj ni ne povus, ni timas realigi la efektivigon de tiu granda kaj malfacila celo.

Kiel vi eble scias ĉ. duoncentjaro forpasis de kiam Japanujo enkondukis anglan lingvon kiel devigan en la lernejojn, kaj tamen la rezultato ĉiam restas same nekontentiga. Ni, la japana esperantistaro, forte deziras reformigi tian lernejan sistemon kaj enkonduki Esperanton.

Por antaŭenpuŝi nian intencon ni devas antaŭ ĉio kolekti multan materialon por instigo kaj komprenigo al la publiko, kaj ankaŭ, se eble, prepari sufiĉe frue tekstlibrojn konsistantajn el kvin volumoj (ĉar japanaj liceoj konsistas el kvin klasoj). Ni ankaŭ devas konsideri pri la dispono de la nunaj instruistoj de angla lingvo, por ke ili ne perdu subite sian oficon kiam la japana registaro enkondukos nian lingvon aprobante nian proponon.

Jen estas la resumo pri nia helpopeto al vi, kaj ni sincere petas al vi, karaj gesamideanoj, ke vi bonvolu doni al ni kiel eble plej detalajn informojn kaj materialojn;

1. Kiuj lernejoj de l' mondo jam enkondukis Esp. kaj de kiam?
2. Kiajn tekstlibrojn ili uzas? (Ĉu nia komitato ne povus ricevi iliajn ekzemplerojn senpage (aŭ kiom kostas)?
3. El kiom da klasoj konsistas la esperanta lernado?
4. Ĉu la lernado estas deviga aŭ libera?
5. Kia estas la rezultato en tiuj aŭ aliaj lernejoj?

Sincere via,

Koogecu Niŝimura.

**El Ĉeĥoslovakujo.**

Praha 17/7 1934.

Estimata kolego redaktoro, kun danko mi prenas en manojn nian IPR, kun danko al vi kaj viaj samlandanoj pro la servo tutmonda.

Jen — kiel mi volas help-(-et)-i al vi kaj TAGE: en nia tre legata ĵurnalo »Národnì Politika« mi ofte verkas artikolojn pri TAGE kaj IPR kaj rekomendas ilin al ĉeĥaj gekolegoj; same mi faras en nia instruistina revuo »List« (en mia konstanta Esperanto-rubriko).

Hodiaŭ mi sendas al vi 3 ekzemplerojn de tia laboro kun la deziro, ke ĝi trovu imiton alilande!

Saluton al vi kaj al viaj helpantoj!

Samideane via

Julie Ŝupichová,
faka instruistino f. p. en
PRAHA (ĈSR).

Ni tre dankas. B.

## Abonprezo de IPR

La abonjaro daŭras de la 1-a de januaro ĝis jarfino. La prezo por unu tuta jaro estas 2.50 ned. guldenoj (inkluzive aneco de TAGE.) Ek de la 1-a de julio ni akceptas ankaŭ duonjaran abonon je 1.25 ned. guld. Por 2.50 ned. guldenoj estas sendota el:

| | | |
|---|---|---|
| **Aŭstrujo** | 8 | ŝilingoj. |
| **Britujo** | 5.— | ŝil. |
| **Belgujo** | 37 | fr. |
| **Ĉeĥoslovakujo** | 33 | ĉ. kr. |
| **Danujo** | 6 | kronoj. |
| **Francujo** | 25 | frankoj. |
| **Germanujo** | 4 | markoj. |
| **Hispanujo** | 12 | pes. |
| **Hungarujo** | 7 | peng. |
| **Jugoslavujo** | 75 | din. |
| **Latvujo** | 5 | latoj. |
| **Norvegujo** | 6 | kron. |
| **Polujo** | 8 | zlotoj. |
| **Rumanujo** | 180 | leoj. |
| **Svedujo** | 6 | kron. |
| **Svislando** | 5 | frank. |
| **U. S. A.** | 1.50 | dol. |

Kiam vi sendas la kotizon rekte al la administracio, ni petas vin:

1) Pagu, se eble, pere de la poŝtĉekkonto No. 90544. Nederlando.
2) Ne sendu poŝtmarkojn.
3) Sendu papermonon en registrita letero.
4) Se vi preferas kuponojn, sendu 5 U. E. A. kuponojn de 1 Sv. Frank. aŭ 16 poŝtajn respondkuponojn por tutjara abono.
5) Skribu tre legeble nomon kaj adreson.

———

## Agentoj de TAGE

Vian kotizon akceptas. En landoj:

**Angla:** F-ino V. C. Nixon, 183 Woodlands Park Road, BOURNVILLE, Birmingham.

**Alĝera:** Jean Delor. Professeur au College de garçons. TLEMCEN. (Dep. Oran)

**Aŭstra:** (vakanta)

**Aŭstralia:** H. M. Lanyon. Harrow St., Box Hill E 11. MELBOURNE. (Victoria)

**Belga:** H. Rainson. Hombeeksche-steenweg 54. MECHELEN.

**Bulgara:** Ivan Sarafov. GOLEMO SELO. (regiono Kazanlik).

**Ĉeĥoslovaka:** A. Valoušek. BRNO-KRALOVO—POLE Tyrŝova 19. Poŝtkonto: Brno 102169.

**Ĉilia:** E. Herrera Valen. Clasificador C. 220. SANTIAGO.

**Dana:** Peter Frey. Claŭsensvej 26. HADERSLEV.

**Estona:** R. Gutmann. Kaupmehet, 6—1. TALLINN.

**Finnlanda:** Elmi Tamminen. Sitavuorenranta 4. A. HELSINKI.

**Franca:** F. Verot. Rue des Villas. St.-ETIENNE. (Loire). Poŝtĉekkonto: 37421 Lyon.

**Germana:** K. Hofmann, RIESA, Felgenhauerstr. 63. Poŝtĉekkonto : 26379 Dresden.

**Greka:** D-ro A. Stamatiadis. Rodou 21. ATENO.

**Hispana:** Ferd. Montserrat. Str. Provenza. 75—2—3. BARCELONA.

**Hungara:** Bleier Vilmos. Mester-u. 53. V. 7. BUDAPEST. IX.

**Japana:** Joshi H. Ishiguro. TOKIO. Daita II. 784 Setagaya Poŝtĉekkonto: Tokio 62061.

**Jugoslava:** Stanko Prvanoviĉ. HALOVO. p. Zajeĉar.

**Kanada:** Alexander N. 223 Blaine Lake. SASK.

**Latva:** S-ino O. Juŝen. Slokas ielä N. 112. dz. 1. RIGA.

**Litova:** Mok. A. Prapuolenis. Iŝlaŭzas. paŝt. ag. PRIENU. VALS.

**Nederlanda :** M. van Mullem. 0.58. OPHEMERT. kasisto: E. A. Koot, UTRECHT W. v. Noortstr 10. Poŝtkonto nro 176356.

**Nederlanda Hindujo:** P. Mamecach, M a k a s s a r (Celebes) Lariangbangi str. 107.

**Norvega:** Nils Okland. Rommesveit. Stord.

**Pola:** B. Gluchowski. ŝw. Wincentego 80. WARSZAWA 24. Poŝtkonto 16992.

**Sveda:** Torsten Torbjär. Mariagatan 15. a. GÖTEBORG. Poŝtkonto 43148.

**Svisa:** S-ino N. Oumansky. 12 rue Jean-Jacquet. GENÉVE.

**U. S. A. :** David R. Metzler. Route 1. Box 389. FRESNO. Californie.

El landoj sen agentoj mono estas sendota rekte al la adm. Agentojn por tiuj landoj ni serĉas.

*Gekolegoj!*

Nepre atentu pri planita pedagogia biblioteko. Vidu la koncernajn informojn en n-ro 3 „Internacia Pedagogia Revuo" 1934.

Sendu viajn sugestojn al la administranto de I. P. R.

**P. Korte**
Schoolstr. 13 **Veendam**
(Nederlando)



**Felelős kiadó: Bleier Vilmos. Készítette a Pestvidéki Nyomda Vácon. A nyomdáért Bénik Gy. felelős**